

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (15) 3/2011, julio 2011

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 14an de julio 2011 kompare kun la versio de la 3a de aprilo 2011.

## Instruado de Esperanto

En junio finiĝis la duasemestra Esperanto-kurso, kiun partoprenis rekorda nombro de 17 studentoj (en la antaŭaj kvar jaroj ekzameniĝis po 9, 10, 14 kaj 12 studentoj). Inter ili estis tri polinoj, kiuj studas slavistikon kun la pola kiel ĉeflingvo. La nederlandanoj reprezentis diversajn studofakojn (vidu la tabelon ĉi-sube). La fina kaj la ripara ekzamenoj okazis la 17an kaj 24an de majo. Post la kompletigo de la lasta etapo rezultis jena tabelo de sukcesintoj:

| Nomo | Studofako | Fina noto |
|---|---|---|
| Bernard, Renske ♀ | Lingvo kaj komunikado (hispana) | 8,7 |
| Briefjes, Malgosia ♀ | Slavistiko (pola) | 9,5 |
| Chalenska, Nadia ♀ | Slavistiko (pola) | 6,1 |
| Christenhuis, Wouter ♂ | Hispana | 8,7 |
| Cornelisse, Astrid ♀ | Eŭropaj studoj (hispana) | 9,1 |
| Dekker, Eva ♀ | Eŭropaj studoj (itala) | 9,0 |
| Doorn, Cees van ♂ | Lingvistiko | 8,4 |
| Emmerik, Roos van ♀ | Angla | 7,5 |
| Jonges, Joos ♀ | Lingvistiko | 9,1 |
| Keip, Jeroen ♂ | Angla | 8,1 |
| Kosmala, Elzbieta ♀ | Slavistiko (pola) | 9,7 |
| Niet, Martijn de ♂ | Hispana | 7,5 |
| Nieukerken, Max van ♂ | Lingvistiko | 8,5 |
| Post, Jasmijn ♀ | Antropologio | 8,5 |
| Potthoff, Mickey ♂ | Angla | 8,0 |
| Rigteren, Courtney van ♀ | Hispana | 8,2 |
| Vellekoop, Fimke ♀ | Nederlanda | 9,1 |

## Instruado pri interlingvistiko

La 6an septembro 2011 komenciĝos la unuasemestra kurso pri interlingvistiko. Jam de kelka tempo kaj plue en la momento de verkado de tiu ĉi bulteno, grave paneas la universitata reto, tiel ke studentoj spertas malfacilaĵojn, provante registriĝi, kaj ne eblas afiŝi kursinformojn, nek havi la aktualan staton de sinanoncoj. La kurso disvolviĝos laŭ la modelo de la lastaj du jaroj kaj sur la bazo de aktualigita versio de la kurslibro. Tiu ĉi lasta, tamen, ne plu estos aŭtomate havebla en papera versio. En aŭgusto, la definitiva manuskripto estos liverita al la reta libroservo por studentoj, kiuj povos elekti inter senpage elŝutebla versio kaj individue presebla dokumento kontraŭ pago de la produkt-kostoj. La docento, antaŭvideble, ricevos sian paperan ekzempleron.
Samkiel en antaŭaj jaroj, la kurso estas reklamata en la publike alirebla programo de la t.n. *Illustere School* de la Humanisma Fakultato, kaj do sekvebla kontraŭ kotizo ankaŭ de interesitoj neregistritaj kiel studentoj de UvA. Vidu la tekston ĉi-supre.

**Interlinguïstiek**
Hoorcollege met practica

| | |
|---|---|
| Docent | prof. dr. ir. Wim Jansen |
| Rooster | dinsdag 6 september - 13 december, 13.00 - 16.00 uur |
| Locatie | P.C. Hoofthuis, K.09 |
| Prijs | € 200,- / AUV-leden en medewerkers € 180,- |

De interlinguïstiek of plantaalwetenschap wordt vanuit verschillende perspectieven bekeken. Aan de orde komen onder andere hoogtepunten uit de historie van het zoeken naar een maakbare taal, Europese taalpolitiek en een historische en typologische verdieping van een aantal moderne taalmodellen. Aan de hand van het voorbeeld Esperanto worden aspecten belicht als functionaliteit, natuurlijkheid tegenover kunstmatigheid, de evolutie van de grammatica, het lexicon en de fraseologie, proza en poëzie.

## Daŭre atentinda

- La universitata kolekto pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estas trovebla sub: http://cf.uba.uva.nl/nl/. De la bonveniga paĝo alklaku 'UvA catalogus' kaj serĉu libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'. La paĝaro disponeblas ankaŭ kun instrukcioj en la angla lingvo.

## Aktualaĵoj

- **Konferenco en Gargnano del Garda.** La 24an de junio 2011, WJ prelegis anglalingve pri *Separating semantics from syntax in Esperanto. A mental struggle in the heart of Europe to get to grips with some un-European features of the language* en ĉi tiu konferenco, organizita de la Universitato de Milano kunlabore kun i.a. Itala Esperanto-Federacio. La teksto de la parolado, kiu traktis la problemon de la (sen)kategorieco de la vortradikoj en Esperanto laŭ la perspektivo de la funkcia gramatiko, estas rezervita por originala publikigo en la konferenca libro, preparata de la Universitato de Milano.

- **Mentorado.** La studento pri la angla lingvo Guido Okhuijsen dediĉas sian magistran disertaĵon al kompara leksika studo inter la nuntempaj nederlanda kaj Esperanto sub premo de la angla. Okhuijsen sukcese finekzameniĝis pri interlingvistiko antaŭ du jaroj. La magistra ekzameno okazos komence de aŭgusto. La revuziantoj de la laboraĵo estas WJ kaj Marc van Oostendorp. Raporto pri ĝi aperos en la oktobra numero de tiu ĉi bulteno.

**Donderdag 22 januari, 17.15 uur: prof. dr. ir. Wim Jansen**

Bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto, vanwege de Stichting Internationaal Esperanto-Instituut

**Esperanto: plantaal en taalplanning onder de loep**

Esperanto wordt wel een plantaal genoemd, een taal die het resultaat is van bewuste planning. Planbaarheid zien we terug in veel aspecten van taal, onder andere in taalsystemen zelf, de positie van een taal in de maatschappij en zijn rol bij het verlenen van identiteit aan zijn sprekers. Het Esperanto-onderzoek en -onderwijs aan de UvA hebben zich tot nu toe geconcentreerd op de taal zelf. Dit draagt bij tot verdieping van het algemeen wetenschappelijk inzicht in het fenomeen 'menselijke taal', een prioritair belang van de universiteit. De Esperantotaalgemeenschap, vertegenwoordigd door de Stichting Internationaal Esperanto-Instituut, is drager van een etnisch of nationaal ongebonden cultuurfenomeen met een uniek talig instrument voor de expressie van een binnen die gemeenschap alom gevoelde wereldburgeridentiteit. Dit zijn aantrekkelijke uitgangspunten voor de studie van het Esperanto als functionerende lingua franca. Het opnemen van deze maatschappelijke aspecten in het onderzoek biedt geheel nieuwe perspectieven.




- **Publika prelego en Amsterdamo**
  UvA vivtenas t.n. 'Specialan Prelegserion', por kiu ĝi invitas siajn 'specialkatedrajn' profesorojn paroli pri sia laboro antaŭ ĝenerala publiko. Mi enviciĝis por ĵaŭdo, la **26**a de januaro (atentu la preseraron en la programanonco ĉi-supre!), kiam mi prelegos pri la temo *Esperanto: planlingvo kaj lingvoplanado sub la lupeon*. La prelego estos en la nederlanda lingvo kaj direktos sin al ĉiuj interesitoj universitataj kaj eksteruniversitataj, esperantistaj kaj neesperantistaj. Unu el la celoj de UvA estas, doni al la sponsoroj de la katedro, unuavice ties jura reprezentanto kaj aliaj financaj subtenantoj, la okazon, manifesti sin publike kaj diskonigi la eventon siavice. Ĉi-sube sekvas mia esperantigo de la nederlandlingva resumo, per kiu UvA informas pri la evento:

  *Esperanto estas tiel nomata planlingvo, t.e. lingvo, kiu rezultas el konscia planado. La fenomeno 'planeblo' manifestiĝas en multaj aspektoj de la homa lingvo, i.a. en la strukturo mem de lingvoj, en la socia pozicio okupita de lingvoj kaj en la rolo, kiun lingvoj ludas, donante identecon al siaj parolantoj. La ĝisnunaj instruado kaj esplorado pri Esperanto ĉe UvA koncentriĝis al la lingvostrukturo kaj kontribuis al pliprofundigo de la ĝenerale scienca kompreno pri tio, kio estas 'homa lingvo' – prioritata universitata intereso. La Esperanto-komunumo, ĉi tie reprezentata de Internacia Esperanto-Instituto, estas portanto de etne kaj nacie sendependa kulturfenomeno, uzanta unikan lingvan instrumenton kiel esprimilon de vaste sentata aparteno al tutmonda civito. Jen temas pri interesa elirpunkto por la studo de Esperanto kiel socie funkcianta interlingvo. Turni la atenton de la esplorado al ĉi tiaj sociaj aspektoj de Esperanto malfermos tute novajn perspektivojn.*

  En la parolado estos skizitaj aspektoj de la ĝisnuna lingvistika esplorado kaj ilia graveco por la esperantologio, kune kun panoramo de perspektivoj por la estonteco.

- **Eŭropa Lingva Konsilio** (ELC). Kiel komisiito de UEA kaj profesia laboranto en la kampo, mi ricevis, kaj akceptis, proponon aliĝi al eŭropa studgrupo nomata *Rekonsideri Multlingvismon en la 21a Jarcento*. Samtempe, ELC invitis min partopreni en ĝia konferenco en Bruselo, la 22an de septembro, okaze de la konkludo de la projekto Dylan (Dinamiko de Lingvoj kaj Mastrumado de Diverseco).

- **Seminario en Piacenza.** WJ/UvA ricevis inviton de Davide Astori de la universitato de Parma, Italujo, partopreni en la organizado de dusemajna seminario pri interlingvistiko, antaŭvidata por aprilo 2012 en la nord-itala urbo Piacenza. La seminario povos ĝui financan subtenon el la programo pri Dumviva Lernado de Eŭropa Unio, kondiĉe ke, aldone al la iniciatinta universitato de Parma, kontribuos tri eksterlandaj universitatoj per po unu docento kaj minimume po tri studentoj. Kvin studintoj/studantoj de nia katedro plus WJ mem sendis principan konfirmon de kunlaboremo, malgraŭ la nedifiniteco de la programo kaj de la labormetodoj. UvA formale subtenas la iniciaton kaj plenigis la necesajn EU-formularojn, atestantajn pri ĝia partnereco. La organizantoj daŭre atendas konfirmon de la eŭropunia subvencio, de kiu dependos la konkretigo de la seminario.

- **Travideblo de la Esperanta gramatiko.** En laborkunveno kun Kees Hengeveld, je la 8a de marto, ni decidis, ke miaj esplorlaboroj ĝis 2013 koncentriĝos al priskribo de partoj de la Esperanta gramatiko laŭ la difinoj de la Funkcia Diskursgramatiko, kun speciala atento al la travideblo de la Esperanta gramatiko (pri kiu mi jam raportis). Intertempe kompletiĝis kaj aprobiĝis la manuskripto de kontribuo pri Esperanto al studo de UvA (en la serio *Linguistics in Amsterdam*). Raporto pri tio aperos en la oktobra eldono de tiu ĉi bulteno.

- **(Sen)kategorieco de la Esperantaj radikoj.** Jam antaŭ ol la aprobo de la kontribuo al la LiA-studo (vd. supre) estis atingita, multa laboro estis efektivigita por prepari la unuan el serio da manuskriptoj planataj por ekstera publikigo. Dum marto ni atingis internan interkonsenton pri tiu unua manuskripto, kiu traktas la preskaŭ centjaran dilemon de la (sen?)kategorieco de la Esperantaj radikoj. Ĝi estas formale submetita al internacia faka revuo kaj akceptita de la responsa redaktoro por anonima provlegado kaj prijuĝo de sia publikigindo. Respondo estas daŭre atendata.

- ***English as a Lingua Franca* (ELF) aŭ Esperanto.** UvA partoprenas en pluruniversitata eŭropa projekto nomata Toolkit (www.toolkit-online.eu). Unu el ĝiaj subprojektoj studas la sekvojn de la uzo de la angla kiel interlingvo aŭ *lingua franca* (ELF). La 4an kaj 5an de julio, UvA kunvokis laborkunvenon en Amsterdamo kun la aŭstraj gvidantoj de la ELF-subprojekto kaj kun reprezentantoj de la nederlandaj universitatoj de Delft kaj Utrecht, kiuj partoprenas en Toolkit kun alispecaj taskoj. WJ kaj Hans Erasmus faris anglalingvajn prezentojn. Sekve al tiu ĉi dutaga kunveno, WJ partoprenos en la ILEI-simpozio en Kopenhago, la 22an-23an de julio, kune kun la UvA-kolego d-ro László Marácz, kiu estas unu el la invititaj prelegantoj.

## Publikigo

'Niederländisch-Deutsch-Esperanto. Eine Kette, die verbindet' kontribuo en *Florilegium interlinguisticum. Festschrift für Detlev Blanke zum 70. Geburtstag*, redaktita de Cyril Brosch kaj Sabine Fiedler: paĝoj 107-126.

## Estonteco de la katedro

La 1an de septembro 2013, okaze de la finiĝo de sia mandato, WJ forlasos la katedron. Internacia Esperanto-Instituto IEI, kiu estas la jura reprezentanto de la katedro, financata de ĝi kune kun Esperanto Nederland (la landa asocio de UEA), anoncis per letero de la 8a de julio, ke ĉe la fino de la kuranta mandato ĝi ĉesos subteni la katedran agadon.

Wim Jansen, la 14an de julio 2011